# DU MEMORTAGOJ POR ESPERANTO

EN Aprilo okazis la 40-a datreveno de la morto de D-ro L. L. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto, kaj en Julio estos la 70-jara jubileo de la apero de la unua lernolibro de la lingvo. Ĝi estis la Unua Libro por Rusoj kaj aperis en Varsovio la 14-an de Julio 1887 laŭ la malnova kalendaro -- do la 27-an de Julio laŭ la nuna kalendaro.

La nobla, modesta kaj genia homo, kiun la Esperantistoj nomas la Majstro, mortis en Varsovio la 14-an de Aprilo 1917, kiam la urbo estis okupita de germanaj trupoj, nur kelkajn tagojn post la eniro de Usono en la militon.

Multaj libroj kaj artikoloj estas verkitaj pri la vivo de Zamenhof. Ni denove rekomendas al niaj legantoj la *Vivon de Zamenhof* de Edmond Privat (haveblan en Esperanto kaj en angla lingvo), la impresan *Originalan Verkaron* de Zamenhof eldonitan de D-ro J. Dietterle kaj la duvoluman verkon *Leteroj de L. L. Zamenhof* kun treege interesaj komentoj de Profesoro Gaston Wäringhien.

Pri la familio kaj vivo de Zamenhof ni nun deziras prezenti kelkajn faktojn ne ĝenerale konatajn en la Esperanto-movado. Ni prenas ilin el artikolo en la juda enciklopedio *The Jewish Encyclopaedia.* Laŭ ĝi la patro de L. L. Zamenhof, Marko, kaj la avo, Fabiano, estis profesoroj de franca kaj germana lingvoj. Fabiano Zamenhof estis pioniro de ĝenerala edukado kaj kulturo en Bjelostoko. En 1873 Marko Zamenhof transloĝiĝis al Varsovio, kie li fariĝis profesoro de germana lingvo, unue en la veterinara (bestkuraca) instituto, poste en la realgimnazio. Li estis unu el tri judoj, kiuj tiutempe havis tian oficialan postenon, kaj li fariĝis eĉ Ŝtata Konsilisto. Li kompilis multajn lernolibrojn kaj estis la aŭtoro de Frazlibro en la Hebrea Lingvo, kiu aperis en Varsovio en 1905, kaj de multlingva frazlibro, kiu ankaŭ aperis en 1905.

Lazaro Ludoviko Zamenhof jam en la gimnazio kaj poste dum siaj universitataj studoj multe interesiĝis pri lingvoj, samtempe preparante sin al la kuracista profesio. Sed la ideo pri lingvo kiel Esperanto nur sufiĉe malfrue eniris lian kapon. Dum iom da tempo la penso pri lingvo matematike konstruita okupis lian imagon. Poste li pensis pri revivigo de unu el la mortintaj lingvoj, precipe la hebrea. Dum tri jaroj li laboris pri la judgermana lingvo kaj verkis gramatikon pri ĝi, ankoraŭ ne publikigitan en 1905. Li esperis, ke la judgermana lingvo, estante moderna lingvo uzata de milionoj tra la mondo, povus esti uzata kiel universala lingvo. Fine, forĵetinte ankaŭ tiun ideon, li atingis la konkludon, ke neniu lingvo ligita al iu individuo, nacio aŭ lando povus fariĝi universala komunikilo. Li konkludis, ke internacia lingvo devas esti neŭtrala.

Sepdek jarojn post la apero de la Unua Libro de D-ro Esperanto, kvardek jarojn post la morto de Zamenhof, Esperanto vivas kaj funkcias. Malgraŭ sennombraj internaj kaj eksteraj malfacilaĵoj la Esperanto-movado disvastiĝis tra la mondo, plifortiĝis kaj ebligis gravajn servojn al la uzantoj de la lingvo. Ĝi vivas ankaŭ en Nordameriko, kaj kun plezuro ni rememoras la vortojn, kiujn D-ro Zamenhof parolis en Washington en 1910: "Ni venis al vi, Usonanoj, ...por alporti al vi semon; kaj ni esperas, ke post nia foriro tiu semo potence ĝermos kaj kreskos, kaj en via lando nia afero baldaŭ havos siajn plej fervorajn kaj plej gravajn apostolojn."

# ĈARLATANA LINGVOSCIENCO
## Marr — Drezen — Stalin — Ĉikobava — Lapenna

***D-ro William Solzbacher***
*Membro de la Akademio de Esperanto*

*(Daŭrigo de artikolo aperinta en la numero de Marto-Aprilo 1957)*

"La aserto..., ke la evoluo iras de unulingveco al multlingveco..., ne korespondas al la historiaj faktoj... La lingvo evoluas de primitiva multlingveco al unuecaj formoj korespondantaj al la formoj de la homa socio estiĝantaj sur diversaj ŝtupoj de la historia evoluo (hordo, tribo, popolo, nacio)." R.O. Ŝor kaj N.S. Ĉemodanov, en *Vvedenie v Jazikovedenie* (ĉefa lernolibro de la marksista-leninista-stalinista lingvoscienco dum la Marr-periodo), Moskvo, 1945, p. 207.

"Ĉar en larĝaj, grandaj linioj la homaro iras de la iama ĉiaspeca disrompiteco (hordoj, triboj, gentoj, popoloj, nacioj, unuflanke; okupoj, kastoj, klasoj, aliflanke) al unueco, la lingvo ankaŭ evoluas de la iama tre granda multlingveco al baldaŭa unulingveco."
Ivo Lapenna, en *Retoriko,* Paris, 1950, p. 28.

"Kio do estas la lingvo? — La lingvo estas socia fenomeno."
A.S. Ĉikobava, en *Vvedenie v Jazikoznanie* (ĉefa lernolibro de la marksista-leninista-stalinista lingvoscienco dum la Ĉikobava-periodo), Moskvo, 1953, p. 23.

"La lingvo estas socia fenomeno."
Ivo Lapenna, en *Retoriko,* p. 29, kaj *La Internacia Lingvo,* London, 1954, p. 17.

"Bedaŭrinde la lingvoesplorado ĉiam estis ludejo por diletantoj... Estas malfacile diri nun, kio estis ĉarlataneco kaj kio estis stulteco... Profesoro D-ro J. J. Mikkola rakontis al mi, ke S-ino Kollontai, Soveta Ambasadorino en Stockholm, diris al li, ke estus tre bele, se la teorio de Marr montriĝus ĝusta, ĉar ĝi 'tre bone harmonias kun la marksista ideologio'."
Valentin Kiparsky, Profesoro de la Rusa Lingvo kaj Literaturo en la Universitato de Helsinki, Finlando, en *La Revolucioj en la Soveta Lingvoscienco,* en la revuo *Osteuropa* (Stuttgart, Germanujo), Februaro 1957, p. 86.

### *Retoriko ... Retoriko*

En la libro *Retoriko* de Ivo Lapenna la Unua Parto, "La Lingvo", plenigas la paĝojn 5 ĝis 59. Se iu volus doni premion al verko, kiu sukcesas enmeti la plej grandan nombron da eraroj kaj malsaĝaĵoj en la plej mal-

grandan nombron da paĝoj, "La Lingvo" estus perfekta kandidato por la honoro.

La libro enhavas longajn piednotojn, mencias nomojn de verkistoj, citas frazojn en diversaj lingvoj, ekzemple la greka, kaj ŝajnigas la uzon de sciencaj metodoj. La kritika leganto tamen baldaŭ seniluziiĝas, vidante, ke multaj el tiuj "sciencaj" ornamaĵoj estas nur artifikoj por trompi naivulojn. Estas tute evidente, ke la aŭtoro neniam vidis la pli grandan parton de la libroj, kiujn li mencias, kaj ke li scias nenion pri la verkoj mem aŭ iliaj aŭtoroj. Kiam li kopias el aliaj verkoj, li preskaŭ ĉiam miskopias.

Piednoto sur paĝo 12 diras: "Starpunkton similan . . . havas M. Kroebler en la artikolo 'La Determinado de la Lingva Parenceco' (*The Determination of Linguistic Relationship*), aperinta en 'Anthropos', 1913, p. 309." – Kia esploro kaj dokumentado!, diros naiva Lapenna-admiranto. D-ro Lapenna eĉ elserĉis artikolon aperintan en Aŭstrujo en 1913! – Kia impertinenteco!, diros kritika leganto. La aŭtoro evidente ne havas ideon, pri kiu kaj kio li parolas. Tiu "M. Kroebler" estas Alfred L. Kroeber, iama Prezidanto de la Amerika Antropologia Societo kaj de la Lingvistika Societo de Ameriko. Li verkis multajn librojn pli gravajn ol tiu artikolo aperinta en 1913. Li loĝas en Kalifornio, kaj en la pasinta jaro, okaze de lia 80-a naskotago (li naskiĝis la 11-an de Junio 1876), la Lingvistika Societo de Ameriko eldonis belan memornumeron de sia revuo *Language* honore al li. Lapenna evidente neniam aŭdis pri li kaj liaj libroj, sed prenis la piednoton el artikolo de A. Meillet en *Linguistique Historique et Linguistique Générale,* p. 91, miskopiante la nomon (*Kroebler* anstataŭ *Kroeber*) kaj la paĝnumeron (*309* anstataŭ *389*), kaj miskomprenante la *M.*, kiu estas malplilongigo de la franca *Monsieur* (S-ro) kaj ne de la antaŭnomo. Estas facile vidi, kial Meillet menciis la *Anthropos*-artikolon de 1913: La artikolo de Meillet aperis en la revuo *Scientia* en Italujo en 1914, do tre baldaŭ post la artikolo de Kroeber.

### *"Pagio kaj Araĥanio"*

Sur paĝo 31 Lapenna skribas, ke "la birmana literatura lingvo estas ĝenerale uzata kiel komunikilo ne nur en Birmanio, sed ankaŭ en Pagio kaj en Araĥanio." Kia saĝeco! Lapenna estas tia fakulo pri internaciaj rilatoj, ke li povas instrui nin eĉ pri Pagio kaj Arahanio! Ŝajne neniu el la recenzantoj de la Esperanto-gazetaro – inter kiuj tamen troviĝas kelkaj tre inteligentaj kaj spritaj kritikistoj – demandis, kie do troviĝas tiuj strangaj landoj. Evidente Lapenna ne scias. Lasu min fari provon, solvi la misteron. Araĥanio sendube estas Arakan, okcidenta provinco de Birmo, kun la ĉefurbo Akyab. Pagio eble estas kripligita formo de Pegu, urbo kaj provinco en Centra Birmo, aŭ kripligita formo de Pagan, iama reĝlando en Birmo, prosperinta de la 11-a ĝis la 13-a jarcento. Ĉiukaze la frazo de Lapenna estas absurda. Oni same povus diri, ke "la angla literatura lingvo estas ĝenerale uzata kiel komunikilo ne nur en Usono, sed ankaŭ en Kolorado kaj en Kalifornio."

Sur la sama paĝo 31 Lapenna parolas pri G. Sagard kaj lia libro *Granda Vojaĝo en la Lando de la Huranoj*, enhavanta laŭ li "viglan priskribon de la multnombraj lingvoj en Suda Ameriko". Mi jam klarigis en mia recenzo de *La Internacia Lingvo*, kiu enhavas la saman malsaĝaĵon, ke Sagard neniam estis en Sudameriko, sed vojaĝis inter la *Huronoj* en *Ka-*

*nado* (AE, Julio-Aŭgusto 1956).

Jen alia el la ŝercoj, kiujn Lapenna ludas kun siaj piednotoj, sur paĝo 13: "Vidu pri tio: Lersch, Filozofio pri la Lingvo ĉe la Antikvuloj, germana eldono, p. 28." Se vi vere volas "vidi", vi trovos, ke la verko *Sprachphilosophie der Alten* de L. Lersch aperis de 1838 ĝis 1841. D-ro Lapenna vere rekomendas la plej modernajn verkojn.

### Simio, Homo kaj Lingvo

Multaj el la "sciencaj" klarigoj donitaj de Lapenna estas kopiitaj el tute malaktualaj libroj, kies hipotezoj jam delonge estas montritaj falsaj. Oni ofte havas la impreson, teni en la manoj libron verkitan en 1890, ne en 1950. Pritraktante en plej primitiva maniero la "tre longdaŭran historion de la homformiĝo el antropoidaj bestaj praŭloj ĝis la rekte iranta kaj pensanta nuntempa homo" (p. 26), Lapenna diras, ke "plej grandan signifon havas la formiĝo de elstara mentono ĉe la homo". La *homo Heidelbergensis* havis "antaŭenvolbitan buŝegon... kiel ĉe la simioj" kaj tial "ankoraŭ ne povis paroli", sed la *homo Neanderthalensis* havis mentonon, kiu "ankoraŭ ne estis elstara kiel ĉe la hodiaŭa homo, sed... troviĝas proksimume en rekta linio kun la buŝego. *Sekve*, la neandertala homo jam uzadis ankaŭ la sonan lingvon."

Mankas la spaco por korekti kaj ĝisdatigi ĉi tie la antropologiajn kaj paleontologiajn informojn de Lapenna. Sed pri la malprava opinio, ke la parolkapablo de la homo dependas de iu speciala evoluo de la mentono, de la lango aŭ de la gorĝo, mi volas citi la vortojn de D-ro Charles F. Hockett, Profesoro de Lingvistiko en la Cornell-Universitato (en *Language*, revuo de la Lingvistika Societo de Ameriko, 1956, p. 463): "Malnova eraro estas... la opinio, ke la homa lingvo realigas sian flekseblecon, almenaŭ parte, per la fakto, ke la anatomia strukturo de la supra spira sistemo kaj de la supra nutra sistemo de la homo permesas pli grandan flekseblecon de la sonproduktado... Kelkaj nuntempaj lingvoj havas fonologiajn sistemojn kun eble 75 vokaloj kaj konsonantoj malsamaj de la fonema vidpunkto; sed aliaj, je la alia ekstremo, sukcesas funkcii kun nur 12, kaj ili en neniu signifa senco estas pli 'primitivaj'. Tial ĉio, kion prahomo aŭ iu alia animalo, kiu evoluigus lingvosimilan sistemon de komunikado per voĉa-aŭda kanalo, devus posedi tiurilate, estas la kapableco fari kaj distingi tre malgrandan nombron da elementaj signoj. (Kiom? La Morse-koda telegrafio bezonas proksimume 5.)... Kredeble almenaŭ preskaŭ ĉiuj mambestoj havas la necesan ĝeneralan anatomian aparaton... Tio ne signifas, ke stephundoj aŭ ĉimpanzoj 'parolas' en la sama senco kiel la homoj, sed ĝi signifas, ke *la bazo de la malsameco ne troviĝas en la kruda strukturo, kiu povas esti deduktata, eĉ kun la plej granda lerteco, de antaŭhistoriaj makzeloj kaj kranioj.*"

Citaĵoj en diversaj lingvoj ne estas nepre necesaj en tia libro, sed se aŭtoro uzas ilin, ili devus esti ĝustaj. Priparolante disputon inter grekaj filozofoj pri la demando, ĉu la "nomoj" de la aĵoj ekzistas "per naturo" (*physei*) aŭ per homa decido (*nomo* aŭ *thesei*), Lapenna skribas *physeis* kaj *theseis*, uzante la nominativon de la pluralo (tute sensence) anstataŭ la dativo de la singularo. Li mencias malajan vorton *inna* por "patrino". Fakte "patrino" estas en la malaja lingvo *ibu* aŭ *bunda*.

Kiel malzorge kaj neprecize Lapenna verkis la Unuan Parton de la libro, oni vidas el la fakto, ke eĉ simpla ekzemplo el lia propra lingvo,

la serbokroata, estas fuŝa. Sur paĝo 16 li tradukas la rusan *knjaginja* kaj la serbokroatan *kneginja* kiel "grafino". La ĝusta traduko estas "princino". "Grafino" estas ruse *grafinja*, serbokroate *grofica*.

Mi povus plenigi tutan 32-paĝan numeron de nia gazeto per rimarkoj pri la centoj da eraroj kaj absurdaĵoj en la Unua Parto de *Retoriko*. Sed tio enuigus la legantojn. Mi prenu nur unu subĉapitreton, "En plena mallumo", de paĝo 7 ĝis 9, por demonstracii la fakton. Preskaŭ ĉiu frazo enhavas ion eraran aŭ kritikindan.

### *Kion Diras la Biblio?*

"Bazante sin sur la Biblio, la unuaj opinioj – pli precize: fantaziaj hipotezoj – asertis, ke la homo ricevis la lingvon de iu supernatura forto. Tiu lingvo – la lingvo de Adamo kaj Eva – devus, kompreneble, esti la sola fonto de ĉiuj postaj lingvoj, ĝis la hodiaŭa tago."

Ho, kiel supera la "esploro kaj dokumentado" de tiu eksprofesoro estas al la "fantaziaj hipotezoj" de la kristanoj, kiuj, "bazante sin sur la Biblio" kaj kredante je "iu supernatura forto", kompreneble restas "en plena mallumo"! Responde oni tamen povus simple rimarkigi, ke Lapenna ŝajnas esti unu el tiuj ateistoj, kiuj mokas pri la Biblio, ne konante ĝian enhavon.

Kion diras la Biblio en la dua ĉapitro de Genezo pri la origino de la lingvo? "Kaj Dio la Eternulo kreis el la tero ĉiujn bestojn de la kampo kaj ĉiujn birdojn de la ĉielo, kaj venigis ilin al la homo, por vidi, kiel li nomos ilin; *kaj kiel la homo nomis ĉiun vivan estaĵon, tiel restis ĝia nomo. Kaj la homo donis nomojn al ĉiuj brutoj kaj al la birdoj de la ĉielo kaj al ĉiuj bestoj de la kampo.*" La Biblio do diras, ke *la homo*, ne "iu supernatura forto", "donis nomojn" al ĉio.

Poste, en la dekunua ĉapitro de Genezo, la Biblio raportas, ke "sur la tuta tero estis unu lingvo kaj unu parolmaniero", kiam la homoj komencis konstrui la turon de Babel, sed ke poste ili parolis multajn lingvojn kaj estis disigataj "sur la supraĵon de la tuta tero". La profeto Cefanja (tria ĉapitro) enhavas promeson pri "lingvo pura". Fine la Nova Testamento (Agoj 2) priskribas la Pentekostan Miraklon, en kiu ĉiuj aŭskultis la Apostolojn paroli en ĉies propra lingvo aŭ dialekto.

La Biblio instruas la fundamentan unuecon de la homaro, kiu devenas de unu viro kaj unu virino kaj kiu iam parolis unu lingvon. Tiun lingvon kreis "la homo". Poste estiĝis multaj lingvoj. La Biblio, kiu ja ne volas esti lernolibro de lingvoscienco, ne diras, kiel tiuj lingvoj rilatas al la pralingvo, ĉu ili devenis de ĝi aŭ ĉu kelkaj el ili estiĝis sendepende. Se "la homo" povis "doni nomojn" al ĉio je la komenco de la mondo, la Biblio ne kontraŭas (nek konfirmas) la supozon, ke poste aliaj homoj povis "doni nomojn" en alia maniero. La Biblio parolas pri la idealo de reciproka kompreno inter ĉiuj homoj. Ĝi ne diras, kiel kaj kiam tiu idealo efektiviĝos. La Biblio neniel kontraŭas la konkludojn de scienca esplorado en la kampo de la lingvoscienco – aŭ en aliaj kampoj.

Lapenna daŭrigas: "Sub la influo de la kristanismo oni emfazis pri la 'elektita popolo' kaj oni neis ĉiun ajn valoron al kulturoj greka kaj roma. Sekve ankaŭ la hebrea lingvo estis taksata kiel supera al ĉiuj aliaj." Tio estas tute absurda. La greka lingvo estas la lingvo de la Nova Testamento. La latina kaj la greka lingvoj estas la lingvoj de la ĉefaj liturgioj, de la ĉefaj religiaj verkistoj de la unuaj jarcentoj kaj de la Ekleziaj Kon-

cilioj. La multjarcenta brilo de la kristana Romo, de la kristana Konstantinopolo kaj de la kristana Aleksandrio frape kontraŭdiras la fantazian aserton, ke "sub la influo de la kristanismo... oni neis ĉiun ajn valoron al kulturoj greka kaj roma." Estas vere, ke de tempo al tempo kelkaj ekleziaj estroj kaj verkistoj, ekzemple Sankta Hieronimo, plendis, ke oni ne sufiĉe studis la hebrean lingvon, kiu estis la lingvo de la plej granda parto de la Malnova Testamento.

Lapenna skribas pri "Sankta *Girolamo*". Ŝajne li neniam aŭdis pri *Sankta Hieronimo* (latine *Hieronymus*, france *Jérôme*, angle *Jerome*, kroate *Jeronim*), kvankam li naskiĝis en Dalmatio kiel li mem, sed kopiis kripligitan formon *Girolamo* el itala libro, ne komprenante, pri kiu temas.

## "Scienca" Konfuzo

Lapenna diras, ke "la itala historiisto Giambulari tute serioze klarigadis, ke la itala lingvo originas rekte el la hebrea." Tio ne estas vera. Pier Francesco Giambullari (1495-1555) skribis kontraŭ la opinio, ke la lingvo de Firenze (Florenco) estas koruptita formo de la latina lingvo, kaj provis pruvi, ke ĝi devenas de la *etruska* lingvo kaj ke la etruska lingvo devenas de la aramea kaj hebrea.

"Goropius pruvadis en la jaro 1580, ke nur la nederlanda lingvo povis esti tiu, per kiu oni parolis en la tera paradizo." Johannes Goropius Becanus tute ne povis skribi tion en la jaro 1580, ĉar li mortis jam en 1572. Estas vere, ke li asertis multe pli frue, ke la antverpena dialekto estas la plej malnova lingvo en la mondo. La tiel nomata *Goropismo* havis kelkajn anojn en Nederlando kaj Flandrujo, sed neniam estis grava.

Lapenna daŭrigas: "Alia tiaspeca 'lingvisto', *André* Kempe, deziris esti iom pli justa. Laŭ li, tri lingvoj estis parolataj, aŭ almenaŭ komprenataj, de la unuaj homoj: Dio parolis al Adamo svede, Adamo respondadis al li dane, dum la serpento tentis Evan (ĉu komplimente aŭ ofende por la Francoj?) en la lingvo – franca."

Jen amuza anekdoto. Sed kiu estis tiu Kempe, al kiu Lapenna pro iu mistera kaŭzo donis la francan antaŭnomon *André*? Li estis la sveda alkemiisto kaj mistikulo *Anders Kempe*, kiu vivis de 1622 ĝis 1688 aŭ 1689. Ĝis 1664 li estis artileria oficiro en la sveda armeo. Poste li vivis kiel kuracisto kaj alkemiisto en Trondheim (Norvegujo). En 1675, kiam la aŭtoritatoj volis enkarcerigi lin, li forkuris al Hamburg (Germanujo), kie li publikigis en 1688 strangan verkon pri la lingvoj de la paradizo (*Die Sprachen des Paradieses*).

Kopiante kaj miskopiante el malnova libro de Garlanda (aperinta en 1886), Lapenna kunmetis diversajn kuriozaĵojn, sed ne komprenis, ke la plimulto el tiuj strangaĵoj estis neniel tipa.

## Kie Estas la "Scienco"?

D-ro Lapenna ofte parolas pri "scienco" kaj diras sur p. 7: "Korekta, scienca respondo... estas antaŭkondiĉo por ĝisfunda kompreno de la lingvoesenco kaj de ĝia funkcio (sendube li volis diri "de la esenco kaj funkcio de la lingvo"). Kvankam la scienco ankoraŭ ne sukcesis respondi al ĉiuj detaloj de tiuj ĉi fundamentaj demandoj, tamen multe da lumo estas jam alportita kaj kelkaj sendubaj faktoj estas pruvitaj kun granda scienca certeco."

Oni do devus supozi, ke Lapenna almenaŭ iugrade havigis al si informojn pri la nuna stato de la scienca esploro de lingvaj problemoj. Ta-

men li videble ne faris tion. *Retoriko* klare montras, ke *Lapenna studis eĉ ne unu modernan libron pri lingvistiko.* Li evidente nenion scias pri la verkoj de Trubeckoj, Sapir, Bloomfield, Hjelmslev, Whatmough, Pike, Guillaume, Laird, Jakobson, Brøndal, Uldall, Pei, Sturtevant, Kuryłowicz, Schrijnen, Harris. Eĉ pri la "pli maljuna generacio" en la lingvistiko li ŝajne nenion scias, ekzemple pri la verkoj de De Saussure, Baudouin de Courtenay, Delacroix, Jespersen, Wundt, Bally, Vendryes, Marouzeau. Eĉ grava verko originale verkita en Esperanto, *La Homa Lingvo* de Profesoro William E.Collinson, ne estas menciata en *Retoriko.*

La verko de Collinson, kiun Lapenna ŝajne tute ne uzis, pritraktas malpli vastan temon ol la Unua Parto de *Retoriko*, sed havas kvalitojn, kiuj tute mankas al la Lapenna-libro. La aŭtoro de *La Homa Lingvo* scias, pri kio li parolas, kaj scias, ke la fundamentaj.problemoj de la lingvoscienco estas multe tro komplikitaj por la naivaj patentsolvoj de iu Marr, Drezen aŭ Lapenna.

Pri la problemo de *monogenezo* aŭ *poligenezo* (kiun Lapenna, akceptante la absurdajn argumentojn de Marr, solvas favore al la poligenezo), Collinson diras (p. 89): "Ni devas konfesi, ke ni ne scias, ĉu la tuta lingvaro de la mondo eliras el unu sola fonto (teorio de *monogenezo* aŭ unuobla origino) aŭ el pluraj (*poligenezo*)." Preskaŭ ĉiuj modernaj lingvistoj konsentas kun Collinson pri tio.

Alia fakto, kiun Lapenna povus lerni el la verko de Collinson, estas, ke la lingvo ne estas *nur* socia fenomeno. Lapenna ŝatas komenci ĉapitrojn per la frazo "La lingvo estas socia fenomeno", same kiel Ĉikobava. Estas evidente, ke la lingvo estas socia fenomeno. Sed Lapenna – kiel aliaj marksistoj – donas al la frazo pli vastan signifon: "La lingvo, estante *pure socia fenomeno*, ĉiam fidele respegulis kaj respegulas la socian vivon." Tre malmultaj lingvistoj kaj sociologoj konsentos pri tio. La verko de Collinson enhavas bonajn argumentojn, kiuj montras, ke la lingvo ankaŭ havas sentespriman, estetikan kaj logikan funkciojn. Kiel diversaj funkcioj de la lingvo rilatas unu al la alia, estas unu el la plej malfacilaj kaj delikataj problemoj de la lingvistiko kaj psikologio.

### Federico Garlanda

Lapenna ne uzis iun modernan libron pri la lingvoscienco, sed ŝajne nur rapide trafoliumis kelkajn tre malnovajn kaj malaktualajn verkojn, ekzemple du artikolojn de A. Meillet verkitajn en 1911 kaj 1914, kelkajn prelegojn de Max Müller faritajn antaŭ preskaŭ cent jaroj (en 1861 kaj 1863) kaj kelkajn verketojn de Alfredo Trombetti eldonitajn inter 1905 kaj 1912.

La ĉefa fonto por la unuaj 15 paĝoj de *La Lingvo* estas verko de *Federico Garlanda*, kiu unue aperis en New York en 1886 sub la titolo *The Philosophy of Words – A Popular Introduction to the Science of Language* (en la eldonejo Garlanda & Co.). La unua itala eldono aperis en 1890. Garlanda (1857 - 1913) estis italo, kiu en sia juneco pasigis kelkajn jarojn en Usono kaj Britujo. Li verkis la libron, kiam li estis eĉ ne 30-jara. Ĝi estas, kiel la subtitolo indikas, ne scienca, sed populara verko, nun jam delonge malaktualiĝinta. La ĉefa intereso de Garlanda estis la itala politiko. Li fariĝis membro de la Itala Parlamento kaj unu el la fondintoj de la naciista partio (*Partito Nazionalista Italiano*), kiu poste (en 1923) kunfandiĝis kun la Faŝista Partio de Mussolini.

Kiam la verketo de Garlanda aperis en 1886, ĝi estis sukcesa pro sia amuza stilo kaj interesa prezentado de faktoj kaj problemoj. Sed iu, kiu volis uzi tiun verkon en 1950, devis almenaŭ kontroli kaj ĝisdatigi ĝiajn informojn. D-ro Lapenna tion ne faris.

En tia kazo estus necese, uzi iom da inteligenteco kaj diligenteco en la elekto de la plej gravaj faktoj. Tiurilate Lapenna ankaŭ pekis. Ekzemple, menciante la teoriojn de grekaj filozofoj, Lapenna tute forgesis la du plej gravajn grekajn verkojn pri la temo: *Kratylos aŭ Pri la Gusteco de la Vortoj* de Platono kaj *Pri la Esprimarto* de Aristotelo.

### La Ĉarlatanaĵoj de Marr

Lapenna, neniam studinte eĉ unu seriozan verkon pri moderna lingvistiko, prenas la ĉefajn kaj preskaŭ la solajn argumentojn por sia teorio, ke "la lingvo evoluas de multlingveco al unulingveco", el la ĉarlatana arsenalo de Marr:

"La realecon de tiu ĉi ideo (ke ĝenerale la unua, la plej primitiva formo de komunikado povus esti ekskluzive gesta kaj ke nur el tiu gesta lingvo, iom post iom, evoluis la parolata, sona lingvo) *pruvis,* surbaze de *profundaj sciencaj esploroj,* la *granda rusa lingvisto*, historiisto kaj etnologo Nikolaj Jakovljeviĉ Marr. Koncerne la tuton de la prilingva problemo, Marr starigis esence novan, materialisman teorion, *eluzante, kompreneble, grandskale ĉiujn pozitivajn rezultojn, atingitajn de la lingvistiko ĝis lia kreoepoko.*" (*Retoriko*, p. 20.)

Lapenna vere plenigas sian buŝon, kiam li parolas pri Marr. Ke Marr ne estis ruso, mi jam klarigis; li estis duone skoto, duone gruzo (georgo). "Granda", "profundaj sciencaj esploroj", "eluzante grandskale ĉiujn pozitivajn rezultojn atingitajn de la lingvistiko ĝis lia kreoepoko",— tio estas prenita el la soveta arsenalo de antaŭ 1950. Ekster la komunista mondo kaj kelkaj el ĝiaj eksterlandaj agentoj la fantaziaĵoj de Marr neniam estis akceptitaj, kaj, kiam la libro de Lapenna aperis, oni jam estis komencinta eĉ en Moskvo, forĵeti la Marr-ĉarlatanaĵojn.

Eble Lapenna aŭdis pri tio antaŭ ol sendi la manuskripton de sia libro al la presejo kaj tial enmetis en la subĉapitron "De multlingveco al unulingveco" la jenan lastan alineon: "Estas tute certe, ke multaj punktoj de la teorio de Marr ne povas esti akceptitaj. Tamen, al prezentitaj teoriaj konkludoj pri la lingvoevoluo fortan apogon donas la plej novaj malkovroj sur aliaj sciencaj kampoj." Laŭ la opinio de Lapenna, eĉ se kelkaj detaloj de Marr ne estas akcepteblaj, liaj teoriaj konkludoj estas pravaj.

En neniu alia loko Lapenna aludas, ke li havas iajn dubojn pri la fantaziaĵoj de Marr. Kelkajn el ili li eĉ rekte apogas per naivaj argumentoj el sia propra kuirejo.

La nekredeble groteskan ideon de Marr pri "la kvar prasonoj" Lapenna akceptas tute serioze: "La prahomo, tamen, havis kapablon eligi ankaŭ certajn sonojn. Surbaze de longaj esploroj Marr konkludis, ke tiuj prasonoj estis SAL, BER, JON kaj ROŜ. Ĉiu el tiuj ĉi sonkompleksoj estis prononcata kune, maldise, el la gorĝo, eligata kiel unueca, samtempa sono. Nur poste, sekvante kaj samtempe ebligante la evoluadon de la parola lingvo, tiuj ĉi sonaj kompleksoj komencis disiĝi, leviĝante el la gorĝo en la laringon kaj en la buŝon" (p. 22.)

## *Kion Diras la Lingvistoj?*

Ernst Kieckers, Profesoro en la Universitato de Tartu (Estonujo), diris pri tio en sia libro *Die Sprachstämme de Erde* ("La lingvofamilioj de la Mondo", 1931): "Marr volas solvi la komplikitajn lingvistikajn problemojn per la teorio de kvar praradikoj, SAR (SAL), BER, JON, ROŜ, per kiuj, laŭ lia opinio, li povas klarigi ĉion. Tiu ideo sendube venas de la samniveliga principo de lia komunista ideologio; kun lingvoscienco tiu procedo havas nenion komunan" (p. 77).

En artikolo pri *Die Umwälzungen in der Sowjetischen Sprachwissenschaft* ("La Revolucioj en la Soveta Lingvoscienco", en la revuo *Osteuropa*, Februaro 1957), Valentin Kiparsky, Profesoro de Rusa Lingvo kaj Literaturo en la Universitato de Helsinki (Finlando), esprimas la opinion, ke "sendube lia ofendita ambicio pli ol vera scienca konvinko" puŝis Akademianon Marr al "plivastigo de lia fantazia hipotezo... En la okuloj de okcidentaj lingvistoj la teorio de Marr estis plene senkreditigita per lia aserto, ke ĉiuj primitivaj hordaj dialektoj estis proksimaj unuj al la aliaj kaj ke ĉiuj vortoj en ĉiuj hodiaŭaj ekzistantaj lingvoj povas esti derivataj de 'kvar praelementoj' – *sal, ber, jon* kaj *roŝ*. En tiuj praelementoj laŭ li troviĝas la plej malnovaj gentaj nomoj de la Te*sal*oj, I*ber*oj, *Jon*oj, kaj Et*rus*koj... Estas malfacile, diri nun, kio en tio estis ĉarlataneco kaj kio estis stulteco. Kiam mi parolis en Leningrad en la jaro 1933, unu jaron antaŭ la morto de Marr, kun kelkaj Marr-istaj eminentuloj, ili ŝajnis esti tute sincere konvinkitaj pri la praveco de siaj teorioj. Samtempe tamen, kiel mia instruisto, Profesoro D-ro J. J. Mikkola, rakontis al mi tiam, S-ino Kollontai, Soveta Ambasadorino en Stockholm, diris al li dum vespera festo, ke estus tre bele, se la teorio de Marr montriĝus ĝusta, ĉar ĝi 'tre bone harmonias kun la marksista ideologio'..."

Mi ankoraŭ montros, kiel la ĉarlatanaj teorioj de Marr, Drezen, Stalin, Ĉikobava kaj Lapenna pri la origino de la lingvo devenas de la ideoj, kiujn Friedrich Engels, unu el la du patroj de la marksismo, esprimis en artikolo pri "La Rolo de la Laboro en la Transiro de la Simio al la Homo", verkita en la jaro 1876.

La absurdaj Marr-ideoj pri *sal, ber, jon* kaj *roŝ* eĉ donis "poezian" inspiron al William Auld, redaktoro de la UEA-gazeto "Esperanto", instigante lin al verkado de "profundaj" versoj en *La Infana Raso* publikigita en 1956.

La faktoj fariĝas eĉ pli groteskaj kaj satirprovokaj, se oni aldonas, ke la ĉarlatanajn ideojn de Marr pri la "klasa" karaktero de la lingvo defendis "Nefermita Letero al Stalin" subskribita de la Estraro de UEA – kies tiamaj membroj pro tio devus vuali siajn vizaĝojn en honto – kaj de la Plenumkomitato de SAT. Pri tio mi ankoraŭ parolos.

La sola faktoro, kiu iam donis ian gravecon al la fantaziaĵoj de Marr, estis la potenco de Stalin, kiu apogis ilin kaj devige subigis al ili la sovetan lingvosciencon. Kiam Stalin ŝanĝis sian opinion en 1950, la tuta konstruaĵo de fabloj kaj teorioj terenfalis eĉ en Rusujo, kaj oni senkompate forbalais eĉ la lastajn pecetojn. Nenio restas de tiu absurda kaj senkreditigita eksteorio de la marksismo-leninismo-stalinismo -- escepte de la Unua Parto de la *Retoriko* de Lapenna kaj la versoj en *La Infana Raso* de Auld.

(Daŭrigota).

# ESPERANTA KRONIKO

***Van Allen Lyman***, dumviva membro de EANA skribas: "Uzu la vorton *AERO* (kaj nenion alian) anstataŭ *AIR MAIL* sur poŝtaĵoj. Kaj metu la vorton *Esperanto* en pli malgrandaj literoj sub *AERO*." Bona Esperanta sugesto, kiun ĉiuj Esperantistoj devus pripensi.

***Samideano Ed Nixon***, Alberto, Kanado, pioniro de Esperanto, havas 70 jarojn, sed vigle kaj ĝoje trovas flankokupojn, kiel farado de teleskopo por si mem, kaj mirindaj flugludiloj por la infanoj. Li ankaŭ trovas, ke "la birdoj en Alberto flugas voston antaŭe por forteni la polvon de siaj okuloj." Ĉu vere!!!

***Esperanto-Societo de Ĉikago*** faris sonbendon por saluti la malferman kunsidon de la nacia kongreso de la Esperanto-Asocio de Argentino. La ideo venis de la filo de D-ro Valentinuzzi, kiu daŭre vervigas la kunvenojn de ESĈ. Entute 17 Esperantistoj de Ĉikago salutis la kongreson kaj kantis du Esperantajn kantojn. Tre bona ideo.

***Eugene M. Beck*** raportas, ke responde al demando al radio-komentisto, Ulius L. Amoss, pri Esperanto en la mallibera parto de la mondo, S-ro Amoss parolis dum kvar minutoj pri la temo, per radio-stacio WBAL, la 17an de decembro 1956. Membroj povus instigi al radio-komentistoj paroli pri Esperanto-temoj, se ili simile skribas al tiuj diversloke.

***S-ro Emmanuel Arias Luna***, nia membro en Meksiko-Urbo, estas profesia muzikisto en la Nacia Simfonia Orkestro de Meksiko. Li planis vizitojn inter usonaj Esperantistoj dum muzikaj prezentadoj en sudaj urboj de Usono. Tre fervora kaj bona Esperantisto estas S-ro Arias Luna, kiu havas 21 jarojn. Bedaŭrinde pro lastmomenta nuligo de la vojaĝo pro iuj interŝtataj kialoj, li ne povis viziti Usonon.

***D-rino Luella K. Beecher***, Prezidanto de la Lima Esperanto-Asocio, Ohio, pioniro de Esperanto, kaj grava estro en la Bahaa Kredo, ĝuis ripozadon en Grenado, B.W.I., dum la vintro. Ŝi revenis al Lima la unuan de majo. D-rino Beecher estas amata de ĉiuj, kiuj konas ŝin, sed la grupo en Lima speciale amas ŝin kaj nomas ŝin "onklino" kiel karnomo. EANA ŝuldas mil dankojn al D-rino Beecher pro konstantaj kaj malavaraj donacoj dum multaj jaroj en la Subtena Konsilantaro de nia Asocio.

***S-ro J. W. Young***, Ontario, Kanado, estas veterano de EANA, kiu unue interesiĝis pri Esperanto en la jaro 1903, pro Esperanto-lecionoj en "Family Herald", Montreal. Post kelkaj jaroj li starigis klubon, kaj multe korespondadis tra la tuta mondo. Li skribas, ke "Esperanto donis al mi la plej grandan plezuron de mia vivo". Kiel soldato en la Unua Mondmilito, li vizitis Esperanto-klubojn en Londono, kaj starigis Esperanto-kurson en la armeo ĉe Seaford. Ni kore salutas lin.

***El Guayaquil, Ekvadoro***, venis al Usono blinda samideano *Byron L. Eguiguren O.* por viziti dum kelka tempo en New York kaj studi en la ĉi tiea Instituto por Blinduloj. Jam de la jaro 1954 S-ro Eguiguren estis membro de EANA, kiun li nomas "Nia Amerika Asocio". En la Universitato de Guayaquil, kie li studas, S-ro Eguiguren regule propagandas Esperanton inter siaj kunstudantoj.

***Allan E. Fineberg***, Jersey City, havas nur 16 jarojn, sed li tre bone sukcesas pri diversaj klopodoj por propagandi Esperanton. Lastatempe aperis "letero al la redaktoro" pri Esperanto en "The Jersey Journal", kiu lerte prezentis la interlingvon. En la sama ĵurnalo, la 16an de majo, aperis granda artikolo kun bildo de Allan, kiu plej favore kaj bone prezentis Esperanton, la aktivecon de Allan, kaj lian specialan intereson pri Esperantistaj Skoltoj. Li nun pretigas bultenon, "Amerika Skolto", por Esperantistigi la skoltojn en Nord-Ameriko.

***S/Sgt. James C. Faughnan***, aktiva membro de EANA en la mararmeo, Camp Lejeune, sendas eltranĉaĵon de "Daily News" kun bona sugesto por ĉiuj Esperantistoj, nome: Multaj ĵurnaloj havas kolonon de demandoj kaj respondoj. Ekzemple, en ĉi tiu okazo oni demandis, "Who originated Esperanto?", kaj la ĵurnalo presis plenan respondon pri Zamenhof k.t.p. Sendu al via ĵurnalo similajn demandojn!

***D-rino Margaret Kidder***, Drury College, Missouri, havis tre sukcesan Esperantan grupon dum la pasinta jaro. Diversaj membroj de la grupo aliĝis al EANA kaj aktive partoprenis en aferoj de Esperanto. Kiam la bela grupo metis anoncon en Esperantan gazeton por havi korespondantojn tra la mondo, ili ricevis pli da respondoj ol ili povis atenti. Prof. Kidder estis jam dum jaroj bona subtenanto de EANA, kaj ĉiam fervore instruis Esperanton inter siaj studentoj. Lastatempe, ŝi gvidis vojaĝon por studentoj el siaj kursoj al Meksiko. Konante D-rinon Kidder, oni povas esti certa, ke tiu vojaĝo estis plej ĝuinda por ĉiuj partoprenintoj.

***D-ro Lee-Min Han***, longtempa membro de la Subtena Komitato EANA, servas kiel kuracisto en W.H.O. (organizo por tutmonda saneco) en Egiptujo. D-ro Han, pro multaj jaroj de sindona servo, planas eksiĝon en la aŭtuno. Se li trovos okupon en Usono, li kaj la familio translokiĝos al nia lando. Ni ĉiuj esperas, ke li sukcesos tiurilate.

***Profesoro E. A. Rogers***, dum multaj jaroj estris la lernejon Montezuma Mountain School, Los Gatos, Kalifornio, sed pro malsano necesis eksiĝi de aktiva laboro. "Montezuma" havis Esperanto-kursojn de la komenco de ĝia fondiĝo sub gvidado de Prof. Rogers. La lernejo estas en plej bela loko kaj vere fama al ĉiuj laŭ la Pacifika Marbordo. Ni, kaj ĉiuj liaj multaj amikoj kaj samideanoj, deziras por li bonan resaniĝon.

***Pastro Antonio Sandro***, New Haven, Conn., veterano nia, inter aliaj Esperanto-ekzercoj tradukas poemojn. Li sendis belan poemon kun bona Esperanto-preĝo por la venonta kongreso, el kiu ni presas strofon:

| | |
|---|---|
| Ĝoju la Kristan-animo | Eĉ en lingvo Zamenhofa |
| Per la versoj – mia rimo | Ĉi skribita unustrofa. |

***F-ino Bertha E. Mullin***, Philadelphia, Pa., tre amata de ĉiuj kiuj konas ŝin, estas dum longa tempo membro de la Subtena Komitato de EANA. F-ino Mullin estas paralizita kaj havas aliajn malfacilaĵojn, tamen ŝi mirinde kaj entuziasme partoprenas en ĉiuj bonaj kaj kulturaj aferoj de la mondo – jes, inkluzive Esperanto, kiun ŝi bone scias de infanaj jaroj. La rakonto pri la mirinda vivo de tiu genia fraŭlino estas tiel interesega kaj kuraĝiga, ne nur al invalidaj sed al ĉiuj homoj, ke ni planas plenan rakonton en pliposta numero de AE.

***Pastro Whipple Bishop***, kiu lastatempe estris ĉe "Unity Temple" en Des Moines, Iowa, ĵus ricevis novan postenon por "Unity" en Little Rock, Arkansas. Ĉiam fervora Esperantisto, li ŝatus ĉeesti la Kongreson en Newark, sed la nova servo ne tion permesas. Tamen, li ne nur mendis kongres-karton sed pagis por bankeda bileto, por ke iu meritplena Esperantisto povu ĝui la okazon. Do, multan dankon al Pastro Bishop, kaj "Bonan apetiton!" al lia anstataŭanto.

***Skolta Esperantista Ligo***: Nova reprezentanto por SEL en Usono estas *C. Stanley Otto,* 20 Harvard Terrace, West Orange, N. J. Oni planas novan bultenon por usonaj skoltoj Esperantistaj, "Amerika Skolto", kies redaktoro estos *Allan E. Fineberg,* 62 Bergen Avenue, Jersey City, N.J.

***D-ro Bela Doczy***, kiu estis aktiva Esperantisto en Hungarujo antaŭ kelkaj jaroj, intencas translokiĝi al Miami, laŭ informo de *D-rino Lydia A. DeVilbiss.* Ŝi raportas bonan ideon de D-ro Doczy, ke Esperantistoj devus utiligi la telefonon por ekzerci Esperante, kun aliaj samideanoj. Ŝi ankaŭ sugestas, ke ni presu pli da kantoj por ke kluboj kaj kursoj havu multan kantadon Esperante. Membroj kiuj konas, aŭ tradukas, belajn kantojn sendu ilin por presi en AE.

***George W. Haskell***, Cuttyhunk, Mass., pioniro de EANA, sendis al ni tri belajn poemojn, sed en la angla lingvo: *Dream Island* (Sonĝ-Insulo), *The Lesson of the Violet* (La Leciono de la Violo), kaj *Sea Gulls* (Mevoj). Kiu inter niaj membroj estas bona tradukisto de poezio? La poemoj de S-ro Haskell estas veraj juveloj pri la naturo, kaj ni presus el ili, se ni trovus tradukiston. Ni gratulas al nia pioniro pro la talento. Kaj ni ankaŭ gratulas pro liaj 86-jaroj da fruktodona aktiveco.

***Letter to the Editor***: "I like the proposed amendment to the constitution. No one who is not loyal to our government has a right to be a member of our organization. The best answer to the UEA action is to build up an international EANA. Have you seen the UEA Jarlibro? No mention of the EANA or Amerika Esperantisto although the EANA is the most important Esperanto organization in North America. And the American Esperantist the outstanding Esperanto publication." – *Florida.*

***International Christian Esperantist League*** uses Esperanto in the service of the ecumenical movement. Inquiries invited. *Edwin C. Harler, 2836 N. Park Ave., Philadelphia 32, Pa.*

---

## TEO JUNG KAJ D-RO STANISLAV KAMARÝT

S-ro Teo Jung, Redaktoro de Heroldo de Esperanto, skribis al D-ro William Solzbacher pri rimarko en unu el la leteroj de D-ro Stanislav Kamarýt represitaj en AE de Januaro-Februaro 1957, Ĉar unu frazo, en kiu aperis la nomo de S-ro Jung, eble povus esti miskomprenata, *S-ro Jung klarigas, ke li neniam havis Hitler-portreton en sia oficejo.* Ŝajnas al ni, ke D-ro Kamarýt tute *ne* parolis pri *fakto,* sed uzis *imagitan ekzemplon,* kiam li skribis, ke "la verkintoj (de "naiva" kritiko en "Heroldo" kaj "Esperanto" de UEA) ne spertis, kion signifas Hitlerana premo,*eĉ se* (t.e. eĉ en la okazo, ke – eĉ se oni supozus, ke) Jung havis en sia oficejo Hitler-portreton."

***En Milwaukee, Wisconsin***, komenciĝis en Januaro la dua parto de Esperanta kurso en la "Shorewood Opportunity School" sub gvidado de *Jon Willarson*. La loka Societo kunvenas regule en la hejmoj de diversaj membroj, kaj laŭ raporto, amuzas sin per legado de "Hamleto" en Esperanto, interrompata per manĝado de terpomaj floketoj kaj trinkado de – "Coca Cola" (ni supozas)!

***F. M. Goodhue***, Charlton, Mass., sendis specimenon de glumarko pri la Bostona Esperantista Societo, 1916. Ĝi estas bela desegnaĵo, kiu respegulas la aktivecon de Esperantistoj en tiu tempo. Li skribis: "por via muzeo" – tamen eble tiu servos ne nur por estontaj generacioj, sed por instigi nin presi noton kun bildoj de aliaj tiaj memoraĵoj, se niaj membroj sendos aliajn specimenojn al ni kun klarigoj pri la glumarkoj, kaj pri la kluboj aŭ personoj, kiuj eldonis ilin.

---

***Niaj mortintoj:*** *Ann Eliza Beatty* mortis la 19an de novembro en Williamsport, Ohio, je la aĝo de 99. F-ino Beatty lernis Esperanton en 1906, kaj dum la jaroj aktive partoprenis en la Esperanto-movado. Ŝi verkis la kantlibron "Espero Internacia", kiu estas kolekto de 240 kantoj kaj himnoj, originalaj kaj tradukitaj. Dum pasintaj jaroj F-ino Beatty loĝis tute sola ĉe sia bieno en Cardington, Ohio. Antaŭ du jaroj ŝi malsaniĝis kaj pro tio loĝis kun amikoj en Williamsport, kie ŝi mortis. *Edwin Sievers* mortis la 19an de marto en Detroit, Mich., pro subita koratako je la aĝo 65. S-ro Sievers lernis Esperanton en 1929, kaj dum la jaroj per nepri-kantitaj sed sindonaj agoj helpis la progreson de Esperanto en Detroit kaj najbareco. Li ankaŭ ĉiam subtenis la asocion EANA per membreco en alta kategorio kaj donacoj. Al lia edzino Thea kaj familio ni esprimas sincerajn kondolencojn. *Peter Golobiĉ* mortis la 11an de marto en Cleveland, Ohio, je la aĝo 62. S-ro Golobiĉ estis rifuĝinto el Jugoslavujo, kaj venis al Usono antaŭ proksimume 7 jaroj, de kiu tempo li estis membro de EANA. Li estis speciale agema en la katolika Esperanta movado kaj eldonis mimeografitan bultenon "La Kruco". Ĵus antaŭ sia morto li skribis, ke frapis lin aŭtomobilo kaj rompis lian ŝultron, pro kio ĝi devas resti en gipso dum almenaŭ 5 semajnoj. Verŝajne tiu akcidento estas parte la kaŭzo de la morto. *D. M. Lynds* mortis frue en la jaro en Berkeley, Kalifornio, je la aĝo 98. Li naskiĝis en Nova Skotlando, Kanado, kaj enmigris Usonon en la jaro 1871. Li estis aŭtoro de la poliglota libro "Studies in Esperanto", kiu komparas Esperantajn vortojn kun rilataj vortoj en 10 lingvoj. Li estis dum multaj jaroj membro de EANA. *J.W.Hope*, iom pli ol 80-jara, mortis je la fino de la jaro 1956 en North Vancouver, B.C. Li estis veterano de EANA. *D-ro Sterling B. Talmage*, mortis la 8an de novembro en Salt Lake City, Utah, je la aĝo 68, laŭ raporto en la Deseret News, sendita de nia membro Lloyd J. Byars. Dr. Talmage estis brila sciencisto kaj edukisto, kaj poste redaktoro de la "Deseret News". Li estis laŭ religio "Mormono", kaj servis kiel misiisto en Anglujo dum sia juneco. Dum multaj jaroj li interesiĝis pri Esperanto. *Don Ramon Escobar Tamayo*, amata patro de ano de Esperanto-Klubo Manzanillo, Kubo, mortis la 20an de februaro, laŭ informo de nia membro Arturo Gomez. Al ĉiuj familianoj kaj intimuloj de niaj mortintaj samideanoj ni esprimas niajn kondolencojn.

# DEZIRAS KORESPONDI

*Kosto de anonco: Eksterlande, unu vorto aŭ mallongigo por unu cendo (ses vortoj por 1 int. respondkupono); Enlande, unu vorto por du cendoj.*

*Brazilo.* Prof. Carlos Geiser, *São Jose* (S. C.), 50-jara, deziras kor. kun Usonanoj.

*Ĉeĥoslovakujo.* F-ino Stanislava Kratochvilova, u Hranic 41, *Praha XX* (Strašnice). 22-jara, dez. kor. pri muziko kaj historio.

*Hispanujo.* Manuel Romeo Gómez, Excmo. Ayuntamiento de *Monforte de Lemos*, Lugo. Deziras korespondi.

*Hungarujo.* Ottó Ballai, Kossuth L. u. 72, *Nagykörös.* Dez. kor. per ilustritaj PK kun Usonanoj.

*Hungarujo.* Alexander Köberl, Magyar u. 19, *Györ,* 15-jara gimnaziano dez. kor. pri tekniko, danc-muziko kaj poŝtmarkoj.

*Japanujo.* Sueki Matsumoto, No. 1844 Fugi, *Yamaga she* (Kumamoto ken). Deziras kor. kun knabino 15 - 17-jara.

*Japanujo.* F-ino Sumiko Kaŭaniŝi, 2 Minami-Zaimoku-ĉo, *Takasago.*

*Japanujo.* Kjosuke Jukimura, 3 Ŝimmci-ĉo. *Akaŝi.* Kokbredisto dez. kor. kun farmistoj, kokbredistoj, inventistoj de plibonegiloj.

*Kanado.* Bruno Samson, *St-Barnabe-Nord,* Co. St-Maurice, P.Q. Instruisto dez. kor. Esperante, angle kaj france, prefere kun virinoj, instruistinoj.

*Kubo.* Jose Matilla, Cisneros 15, *Camaguey.* Deziras interŝanĝi PM kaj E-presaĵojn kun la tuta mondo.

*Pollando.* Jan Adamczyk, ul. Wielkopolska 27/30, *Szczecin.* 26-jara dez. kor. kun la tuta mondo, interŝ. PM (precipe kun amerikaj landoj).

*Usono.* Allan E. Fineberg, 62 Bergen Ave., *Jersey City 5,* N.J. 16-jara knabo dez. kor. kun Esperantistoj ĉie, speciale kun Izraelan(in)oj.

**Kristana Bulteno** estas monata gazeto, tute en Esperanto, kiu prezentas religiajn artikolojn el protestanta vidpunkto. Eldonata en Usono. Petu de: *Robert Powell, 2223 35th St., Astoria 5, N. Y.*

**Boletin,** monata organo de la Hispana Esperanto-Federacio, bele presita parte en Esperanto parte en Hispana lingvo. Interesaj raportoj pri la enlanda movado, kun bonaj artikoloj literaturaj. Jarabono $1.25. Abonebla ĉe EANA, 114 W. 16 St., New York 11, N. Y.

## THE CONNOR COURSE IN ESPERANTO

**Correspondence Course with Vinylite Records**
**Instruction by Doris Tappan Connor**

The *"Connor Course"* is unique, – it provides real-life disk conversations plus personal instruction. You *converse* with the disk and *confer* with the instructor. Compiled by experts.

The complete *"Connor Course"* includes the following:

(1) A lively text, *"Esperanto: The World Interlanguage."*
(2) Eight *"Vinylite"* double-sided 10 records, 78 r.p.m.
(3) A practical and easy-to-follow *"Study Guide"* (82 pp.)
(4) Personalized instruction and guidance of *Mrs. Connor.*
(5) Supply of answer paper and printed return envelopes.
(6) An interesting card game, to develop your vocabulary.
(7) And finally, an official *"Certificate of Achievement"*.

*FOR INDIVIDUAL STUDY:* The complete *"Connor Course"*, as described above, will be sent postpaid for *only $36.*

*FOR GROUP STUDY:* Buy one complete *master course* at $36. Each additional member pays *only $6 more* for Textbook and complete Study Guide for his own use.

Full money-back guarantee. So, place your order *NOW:*

---

## LINGUAPHONE HOME STUDY COURSES

You can learn *ESPERANTO,* or any other language listed below, by the world-renowned *Linguaphone* Ear-Eye Method. Order through the *Esperanto Book Service* for benefits to both yourself and your Esperanto Central Office. You may select:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Esperanto | Russian | Swedish | Persian |
| Italian | Finnish | Hebrew | Hausa |
| Irish | Arabic | Bengali | Spanish |
| Polish | Japanese | Greek | Dutch |
| Chinese | Latin | German | Afrikaans |
| Malay | French | Czech | Hindustani |
| English | Portuguese | Norwegian | Effik |

Regular list price for *Esperanto,* complete course, is $57.50. Most other languages are priced the same. A few higher, a few lower – dependent upon number of records and other factors. Write to *Esperanto Book Service* about any language in which you are interested. Special payments for members of EANA.

---

***Esperanto Book Service, 114 W. 16 St., New York 11, N. Y.***